NIBIRUO ESTOS VIDEBLA NUDOKULE EN 2010 >>

# |jes ja!|

**Portalegro | Brazilo | Sep./Okt. 2009 | N-ro 4**
Interreta versio al la tuta mondo





LA MOVADO REVIGLIĜAS EN TORRES

# |KARESEMA|

**>>> Lúcia Maria Marder Gomes da Silva (Karesema)**



Hodiaŭ [04/08] estas unu el tiuj tagoj, en kiu ĉio brilas kaj ĉio serene glatas. Mi estas tre kontenta pro tio, ke dum la mateno, mi partoprenis en fruktdona konferenco en Skajpo. Tie estis (en la plej grandparto, azianoj) bonaj esperantistoj, kiuj serioze debatis pri la efiko kaj utilo de la lingvo . Estis multe da bonaj kontribuoj kaj la homoj entuziasmiĝis pri la temo. Verŝajne la temo estas ofta en la esperanta-rondoj sed neniam elĉerpiĝas ĉar ju pli da debatoj pri ĝi, des pli da bonaj ideoj kaj konkludoj. Ni ankaŭ parolis pri la granda miraklo de la Nova-Epoko, t.e. la kuniĝo de Esperanto / Komputilo kaj kiel efike estas movadumi en la reto... ŝajne estas, ke en ĉi epoko, la esperantistaro facile povas elekti novan opcion por interkomunikiĝado en esperanta-agado.Nuntempe ankaŭ validas kongresi en la reto kaj okazigi dialogon en bona parolnivelo. Ĉiuj adiaŭis dankeme unu al la alia pro la profita konversacio.

Malfacile estas traduki la senton, per kio Esperanto kunligas la homojn malgraŭ ke, ankoraŭ ne tiom proksimaj ili estas. Sed Esperanto estas ali ili same intima kaj pro tio, ili sentas sin komfortaj por paroli aferojn komunajn. Mi spertas tion, ĉiam kiam mi konatiĝas al fremdaj amikoj. Ŝajnas al mi, ke ne nur lingva baro estas detruata pere de Esperanto krome homa-rilatoj estas pli intensaj ĉar Esperanto liveras plenan konfidon kaj senĝenecon. Kaj tion nur la esperantistaro povas bone kompreni kaj senti... kaj de esperantisto al esperantisto estas necese intensigi la idealon zemanhofan por pli bona mondo. ■

# |SUDO|



**>>> Fontano antaŭ la urbodomo de Portalegro, donaco de la Hispana Komunumo em 1935 omaĝe al la centjariĝo de la Revolucio Farroupilha. Fotis C.D.S.**

## 4-a KONGRESO DE ESPERANTO DE LA ŜTATO SAN-PAŬLO

**Inte 10 k 12 okt. 2009 en Bauru, SP**

**Jes Ja! | 1-a jarkolekto |N-ro 4 |**
**Septembro- Oktobro 2009**

**Porto Alegre, RS, Brazilo**
**Redaktas César Dorneles Soares | dorneles@ymail.com**
**Interesatoj ricevi la informilon perrete bv. kontaktiĝi kun la redaktoro**
**Senpaga disdonado**
**Oni petas interŝanĝon.**

# |DORNELES|





Meze de aŭgusto mi pasigis agrablan semajnfinon en Torres (Turoj), en kies oportuno mi vizitis la klason de baza E-kurso gvidata de Fábio Fernandes Pereira ĉe loka ŝtata lernejo, kiu ĝentile cedas la spacon. Malgranda grupo sed plena je entuziasmo pri E-o. Ges-roj Oswaldo Rodrigues Camargo kaj Baptistina Léa Frediani Camargo, inter aliuloj idealigintoj de Torres Esperanta Rondo (TERO), partoprenas en la lecionoj. Okaze de neformala kunveno oni interkonsentis pri provkurso de E-o en februaro, 5leciona, probable vespere, pri kiu mi respondecos. Oni pensas inkluzive diskonigi ĝin en la lokaj radiostacioj.

S-ino Baptistina Léa Frediani Camargo, aŭ simple S-ino Léa, kiel ŝi estas nomata de la homoj, estas preskaŭ 81jara kaj, post du universitataj kursoj, kiujn ŝi faris dum sia vivo, revenis al la akademia medio por ekstudi juron ĉe ULBRA-Torres. En intervjuo julion al loka gazeto ŝi diris la jenon: "La plej bona afero kiun ni devas fari estas studi, havigi konon, ŝanĝi pri travivaĵoj, kaj antaŭ ĉio subteni la menson kaj la spiriton pli kaj pli junaj." Jen sekvinda vivekzemplo.

Okaze de la 94-a UK en Bjalistoko, la jam tradicia *Kongresa Kuriero* intervjuis aron da eminentaj figuroj de la Movado proponante al ili razonadon pri la venontaj 50 jaroj de E-o. Aparte vekis mian atenton la jena komento de Renato Corsetti, eksa prezidanto de UEA, unu el la intervjuitoj: "(...) La malnovaj ideoj pri membroj, revuoj kaj simile ne plu funkcias, do verŝajne ni devas moviĝi al asocio senapera kaj senkotiza, sed 'agada', kiel estas pluraj grandaj asocioj; ni pensu pri la asocio kiu en Usono subtenas la ideojn de Obama: ĝi konsistas je retpaĝaro kun membroj kiuj ne pagas kotizon, sed eventuale nur libervole donacas, kaj la donacoj tamen estas petataj regule por specifaj agadoj; oni scias kiel oni administras la asocion, sed certe <u>la membroj ne sentas ke ili pagas por vivteni la oficejon</u> (substreko mia), tamen (aŭ sekve) la afero funkcias. UEA, kaj niaj landaj asocioj, eble devos atenti similan vojon." Hmm... mi jam sentis tion, ke mi pagas nur por vivteni asocion, en situacio en kiu sekve ne postrestas mono por disvastigi E-on... Pensigaj kaj pridiskuti(e)ndaj ideoj de nia kara Corsetti, kiu kuraĝe diras al ni alivorte, ke la mondo ŝanĝiĝis kaj la nuntempa ordinara formato de niaj asocioj kadukiĝis. Vidu la ekzemplon de la delegitara reto de UEA, kiu en la pasinteco nedubeble ludis gravan rolon en la Movado, kiel ilo por praktika utiligado de la lingvo: ĉu estas spaco pri ĝi en la tempo de interreto, kiun la esperantistoj utiligas, multfoje vid-al-vide, por ankaŭ informiĝi diversfake sendepende de asocimembreco al iu ajn institucio? Se ne paroli pri la eterna krizo de niaj asocioj, pli kaj pli suferanta la problemon pri malgrandigo aŭ stagneco rilate al la nombro da asocianoj en epoko alie en kiu la Movado ne plu estas tiel dependa de niaj oficialaj instancoj por ekzisti. Jes ja! Ni jam kreskis sufiĉe por atingi tiun staĝon laŭ movad-disvolviĝo. Fine, kompreneble mi ne estas ia frenezulo por defendi la ideon, ke la Movado ne plu bezonas strukturiĝi ankaŭ laŭ lokaj, regionaj, (inter)naciaj organizaĵoj. Ili ankoraŭ certe ludos dum kelka tempo gravan rolon en la kondukado de pluraj aferoj. Oni jam diris, ke estus terura okazintaĵo se ni ekzemple, pro iu malĝusta decido, nevole provokus la senigon de UEA. Tio kaŭzus grandan kaj bedaŭrindegan skuon en la Movado! Sed aliflanke, oni ja bezonas homojn kun novaj kaj diskutindaj ideoj, kuraĝaj por eksponi ilin publike, kiel iu Corsetti, por instigi nin ĉiujn al sen-antaŭjuĝa pripensado cele al la kapabligo de la 'oficiala movado' por fronti la defiojn de la 21a jarcento, tiamaniere, ke la nepoj nin benos.

Juvenalo, karikatura fikciulo de Jes Ja!, ĵurnallegemulo, sukcesis fanon: s-ron Oswaldo, el Torres... ■

**>>> César Dorneles Soares**

# www.ipernity.com/karesema

**Pli ol 43 mil vizitoj al la paĝaro | Pli ol 290 artikoloj | pli ol 620 fotoj**

PLANEDA TRANSIRADO

# |NIBIRUO|

**>>> Far César Dorneles Soares**




**Kio estas Nibiruo?** Nibiru estas planedo kiu periode trapasas la Zonledon de Asteroidoj inter Marso kaj Jupitero je ĉiu 3.600 jaroj. La sumeranoj en la Antikveco jam konis ĝin kaj donis al ĝi tiun nomon. Ĝi ankaŭ estas konata kiel Planedo X, Herkolobuso, Altrudiĝinta Astro ktp.

**Kia estas Nibiruo?** Ĝi apartenas al alia sunsistemo (de tio venas la nomumo 'Altrudiĝinta Astro') kaj havas ruĝecan koloron. Ĝia naturo estas tute primitiva laŭ spiritualistaj informoj.

**Kiam ĝi plej alproksimiĝos al la Tero denove?** En 2012. Jam en 2010 ĝi estos tute nudokule videbla kvazaŭ ĝi estus ia 'dua suno' en la ĉielo.

**Kian konsekvencojn ni havos pro la preterpaso de Nibiruo proksime de la Tero?** Laŭ spirita literaturo, pere de mediumaj kaj kanaligaj mesaĝoj, la pasado de Nibiru provokos grandajn geologiajn malordigojn tra la tuta planedo, kio inkluzivos la vertikaligon de la tera akso, okazontaĵo jam de longa tempo antaŭvidita en la spiritualista medio.

**Ĉu tio signifos la finon de la vivo en la Tero?** Tute ne, sed la plej grava momento en la proceso pri planeda transirado kiun ni jam vivas, biblie konata kiel la Apokalipso. Ni ne estas sola en la Universo. Multaj eksterteraj civilizoj estas helpantaj la Teron en tiu periodo de transirado kaj se estos necese ili kunordigos eventualan evakuadon de la postvivantoj pere de grandaj spacoŝipoj.

**Ĉu la ĉeesto de Nibiruo povas esti rilatata kun la tiel nomata 'apartigo inter la lolo kaj la tritiko' pri tio parolas la Apokalipso?** Jes. Al tiu planedo estos ame enkondukitaj grandparte de la spiritoj kiuj dum longa tempo loĝis en la Tero (ĉu enkarniĝintaj aŭ ne) kiuj ne kaptis la oportunon tra la jarmiloj por regeneriĝi el la morala vidpunkto samkiel faris multaj aliaj. Ili estas la krueluloj, la krimuloj, la koruptuloj, la militemuloj ktp, ktp. Tie ili denove havos la ŝancon, pere de pli malfavoraj kondiĉoj, eklerni la unuajn lecionojn de la Amo kaj Frateco, danke al la valoraj instruoj de la sufero kaj doloro. Dio nek kondamnas nek punas. Dio ĝustigas.

**Kion la Scienco diras pri Nibiruo?** Tra la lastaj jardekoj multaj astronomoj publikikgis sciencajn artikolojn pri la alproksimiĝo de Nibilru. La pionira el ili estis artikolo publikigita en *The New York Times* (1982) de D-ro Thomas Van Flandern, de la Marista Observatorio de Usono sekvanta de oficiala dokumento de NASA kiu rekonis la akcepteblecon pri la ekzisto de la samnomata Planedo X. ■

**Tekstoj originale publikigitaj en lia retejo: www.ipernity.com/cesar.dorneles**

www.ipernity.com/cesar.dorneles

Pli ol 39 mil vizitoj al la paĝaro | Pli ol 130 artikoloj | Pli ol 1.200 fotoj

# |E-MOVADO|

## ● RESPONDO NOME DE LA BRAZILA ŜTATESTRO AL LA LETERO DE DASGUPTA

En junio la Prezidanto de UEA Probal Dasgupta sendis leteron al la la brazila, ĉina kaj rusa ŝtatestroj kaj al la barata ĉefministro, kiuj kunvenis kelkajn tagojn pli frue por diskuti pri la monda ekonomia krizo kaj pri pli intensa kunlaboro inter siaj landoj ĝenerale. La gvidantoj de la kvar 'promesaj landoj por la estonteco', laŭ la karakterizo de Dasgupta, diskutis interalie pri kreo de nova valuta sistemo. En sia letero la Prezidanto de UEA atentigis ilin ankaŭ pri la bezono de nova lingva sistemo, kiu ne privilegiu kelkajn landojn, kaj pri Esperanto kiel la lingvo, kiu ebligus ĝin.

Intertempe prof. Dasgupta ricevis la ĉi-suban respondon komsiitan de la brazila prezidento Luiz Inácio Lula da Silva:

*Al Probal Dasgupta,*
*Prezidanto de Universala Esperanto-Asocio*

*Prezidento Luiz Inácio Lula da Silva taskis nin respondi vian leteron de la 20-a de junio 2009 adresitan al li, por danki pro via zorgo pri la egaleco en internaciaj rilatoj, tiel en la financa kiel en la lingvaj aspektoj.*
*Ni ŝatus montri al vi nian admiron pro la klopodo, kiun esperantistoj de la tuta mondo entreprenas cele al la disvastigo ĉiam pli granda de Esperanto, lingvo kreita de doktoro Lazaro Zamenhof kiel kontribuaĵo por la interkompreno kaj komprenemo inter la homoj. Ni scias, ke en la historio de la homaro, estis lingvoj, kiuj entrudiĝis kiel sekvo de la politika hegemonio, kiel latino, aŭ certagrade la franca kaj poste la angla. Ni deziregas ke, fakte, iun tagon Esperanto povu esti akceptita de plejparto de la nacioj kiel lingvo adoptita por faciligi la komunikadon sen lingvaj privilegioj. Ni certas, ke Universala Esperanto-Asocio daŭrigos siajn demarŝojn ĉe Unuiĝintaj Nacioj por laŭgrade pligravigi la rolon de Esperanto kiel internacia lingvo. Sekve ni ne vidas necesa pridiskuti la aferon, ĉar ni konsentas pri la valoro de la lingvo disvastigata de via asocio.*

*Sincere,*
*Cláudio Soares Rocha*
*Direktoro pri Historia Dokumentado*

**Fonto: Gazetaraj Komunikoj de UEA n-ro 337, de 13 aŭg. 2009**

# |MARGARITA|

Onidire la Kunfratiĝaj Kunvenoj
de GEA nur estas kompletaj
kun la tortoj alportataj
de Terezinha Helena...



# |AJNAĴOJ|



## ● Hejmaj bestoj

Ĵusa esploro montras, ke Portalegre estas la brazila ĉef-urbo kun la plej granda nombro da hejmoj kun hejmaj bestoj: 56%, sekvanta de Kuritibo (555%), San-Paŭlo (43%) kaj Braziljo (42%).

## ● Adoptado

Raportaĵo de la revuo *Época* indikas, ke en Brazilo el la 80 mil infanoj loĝantaj en ŝirmejoj, nur ĉ. 3 mil restas disponeblaj por adopto pro la senigo de la familia povo. En la Nacia Kadastro pri Adoptado estas ĉ. 22 mil potencialaj adoptontoj: triono el ili akceptas nur knabinojn kaj ĉ. 40% akceptas nur blankajn infanojn. En Italio preskaŭ 80% el la adoptitaj infanoj devenas el Latin-Ameriko. En Francio 16% el la adoptitaj infanoj estas brazilaj.

## ● Legkutimo

La francoj legas averaĝe 7 librojn po jaro; la angloj, 9 kaj la usonanoj, 10. La brazilanoj? 4,7, laŭ IBOPE-esploro de 2008.

## ● Sklavlaboro

Sahinal Monir, 24jara, venis el Bangladeŝo al Dubai antaŭ kvar jaroj post kiam laboragento ekaperis en lia vilaĝo dirante, ke ekzistas loko, Dubai, en kiu oni povas gajni la ekvivalenton al 640 dolaroj po monato en la konstruada branĉo. Post pago de valuto egala al 3700 dolaroj por la laborvizo, li forlasis sian landon por pergajni la vivon en la Araba Duoninsulo. Alveninte, lia pasporto estis konfiskita de la konstruentrepreno. Nuntempe li estas devigata labori 14 horojn po tago en la varmega dezerto. Li ne povas hejmreveni ĉar li ne havas monon por la vojaĝo nek la pasporton. Tion rakontis inter aliaj aferoj la brita ĵurnalisto Johann Hari en raportaĵo originale publikigita en *The Independent* kaj reproduktita portugallingve en la revuo *Piauí*.

## ● Teniso

La esperanta *teniso* devenas el la angla *tennis*, kiu siavice devenas el la franca volitiva verbformo *tenez*, kutime kriita de tiuj kiuj ĵetis la pilkon...

## ● Pranepino

"En Maranjano nur ne troviĝas tombejo kun la nomo de la familio [Sarney], ĉar mortulo ne voĉdonas", kutimas diri PT-deputito de tiu ŝtato. En la urbo Bom Jardim, la nomo de la loka publika lernejon omaĝas Fernanda-n Sarney-on, pranepinon de la nobla senatano de la Respubliko...

## ● Ret-navigantoj

El la 625 milionoj da aktivaj navigantoj en la Reto ekzistantaj en la mondo, 63% jam kreis profilon en ia socia reto; 76% jam elŝutis fotojn; 33,1% jam publikigis videofilmojn; 29,1 subtenas blogon kaj 71% kutimlegas blogojn.

## ● Sociaj retoj

La plej grandaj sociaj retoj en la mondo estas Facebook, kun 250 milionoj da utiligantoj (1,3 miliono en Brazilo); MySpace, kun 125 milionoj (2,5 en Brazilo); Orkut, kun 70,7 milionoj (24,4 en Brazilo) kaj Twitter, kun 44,5 milionoj (2,7 en Brazilo). Facebook estis kreita de la usona Mark Zuckerberg, antaŭ ses jaroj, kiam li estis nur 19-jara.

## ● Gripo A

Laŭ verkisto kaj kuracisto Moacyr Scliar en lia prisana rubriko en la gaŭĉa taggazeto Zero Hora, en Usono cirkulas onidiraĵo kiu asertas, ke la viruso de la gripo A estas infektanta la komputilojn kiuj siavice pasigas ĝin al la komputilaj utiligantoj. ■

# |E-MOVADO|

### ▸ *O Romance de Zamenhof*
Unu el la novaj lanĉoj de Eldonejo Lorenz estas la libro *O Romance de Zamenhof* (144 p., R$ 15), de José Carlos Leal. Mendebla ĉe (21) 2221-2269, PK 3133 – PK-do 20001-970 aŭ pere de editora_lorenz@uol.com.br.

### ▸ 4-a Kongreso de Esperanto de la Ŝtato San-Paŭlo
La 4-a Kongreso de Esperanto de la Ŝtato San-Paŭlo okazos inter 10 k 12/10/09, en la urbo Bauru, je 345 km for de San-Paŭlo kaj havos kiel temon *Medioprotektado: unuopa kontribuo, kelektiva ĝuo*. Pliaj informoj en http://kongreso.easp.org.br.

### ▸ Kunfratiĝa Kunveno
Kunfratiĝa Kunveno okazas en la dua sabato de la monato en GEA – Gaŭĉa E-Asocio. Je la 15h, paroliga rondo; je la 16h, teotrinkado.

### ▸ Verda Kafo
Verda Kafo, la plej tradicia E-aranĝo en Rio Grande do Sul, atendas vin por neformala babilado en E-o ĉiam en la lasta sabato de la monato, je la 16h, en Tutty's – drinkejo-restoracio en Centro Comercial Independência: Av. Independência, 30, fronte al Santa Casa de Misericórdia.



### ▸ Tezdefendo

En aŭgusto Maria Nazaré Laroca, el Ĵuizdeforo, MG, defendis tezon ĉe la Federacia Universitato de la Ŝtato Rio-de-Ĵanejro pri la verbaj aspektoj de Esperanto. Oportune ŝi estis invitita por organizi esplorgrupon pri E-o en la universitato kaj aranĝi provkurson okaze de kongreso pri la portugala lingvo realigota en 2010 en Niterojo, RJ. ■

# |JUVENALO|




# |ALKLAKU|

**Bulteno *Komunikoj***
www.editoralorenz.com/komunikoj.html

**Portalo por E-periodaĵoj**
www.gazetejo.com

**Nova babilejo**
http://webchat.freenode.net
(Ĉe *channels* skribu "##esperanto")



**UEA/TEJO en Jutubo**
www.youtube.com/ueaviva

**Virtuala vortaro**
www.vortaro.brazilo.org/vtf/ ■

# |El la legantoj|

"Vian bultenon *Jes Ja!* mi ricevis kaj ĝi alportis al mi multe da ĝojo. Mi profitas la okazon por informi al vi, ke nia E-kurso, ekde majo 2009, iras en ordo kaj entuziasme. Ĝi okazas ĉiusabate de la 14:30 ĝis la 16-a horo, en la lernejo Tiethbol en Torres, RS."
>>> **Fabio Fernandes Pereira,** el Torres, RS

"Dankon pro la sendo de via bonega bulteno."
>>> **José Martins Coelho,** el San-Paŭlo, SP



"Bonega kaj bonefarita, gratulon, mi legos ĝin kun plezuro."
>>> **Luís Guilherme Souto Jardim,** el Caçapava, SP

"La eldono n-ro 3 mi jam legis, kiam Emílio Cid resendis ĝin al mi. Mi tiom ŝatas, ke decidis skribi al vi, petante ke vi ne forgesu sendi la venontajn eldonojn ankaŭ al mi. Via *Jes Ja!* estas tre bona informilo, ĉar ĝi faras tion, kion mi ankaŭ faras en radioprogramo *Parolu Mondo!*, tio estas, ĝi enhavas malgrandajn kaj interesajn partojn. *Jes Ja!* kaj *Parolu* faras dinamikan ĵurnalismon."
>>> **Djalma da Cunha Pessata,** el Rio-de-Ĵanejro, RJ

"Mi PDF-igas la dosieron por plifaciligi la disvastigadon."
>>> **Abel Sidney,** el Porto Velho, RO

"Dankon pro la sendita informilo. Mi ĝuis la legadon. Gratulon!"
>>> **Atilio Orellana Rojas,** el Den Haag, Nederlando

Ankaŭ dankis pro ricevo de la informilo:

>>> **Vicente Paulo Werneck,** el Volta Redonda, RJ

>>> **Divinópolis Esperanto-Grupo,** el Belorizonto, MG ■

# |DIRITE|

Hipokondrio estas la nura malsano kiun mi ne havas.
**[Oscar Levant]**

Respektu la virinon de la proksimulo. Precipe se la proksimulo estos tre proksima.
**[Oscar Levant]**

Kiam ni provas impresi, verŝajne tiu estos la impreso kiun ni lasos al la aliaj.
**[Bitz and Pieces]**

La ideala bopatrino estas tiu kiu ne loĝas tiel proksima, ke ŝi povu veni kun pantofloj kaj nek tiel malproksima, ke ŝi povu ekaperi kun kofroj.
**[Orlando Conceição]**

Kvankam la mallumo ĉirkaŭas nin, tamen ne estas racie perdi la fidon. Ni laboru kaj esperu.
**[Probal Dasgupta,** UEA-prezidanto, okaze de la ferma parolado de la 94-a UK en Bjalistoko**]**

Kie mi kaŝas miajn sonĝojn?/ En la cerbo, en la cerbo.
**[Mauro Nervi,** esperantista poeto**]**

Romo havis nur unu Incitatus en la Senato.
**[Millôr Fernandes]**

Se vi menso ne estas malferma, fermu la buŝon ankaŭ. **[Sue Garfton]** ■

## KUNFRATIĜA RENKONTIĜO

**En la dua sabato de la monato, 15h, en GEA**

## VERDA KAFO

**31 jarojn paroligas vin E-e.**

**En la lasta sabato de la monato, en drinkejo-restoracio Tytty's**